N° . 4 0 -

# LA SKOLTA MONDO

OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTO LIGO







NE ISSN 0037-6558

VOLUMO 4 N·RO 18
2·A JARKVARONO 1973

# S ☆ E ☆ L

Fondinto: "Avoto"
Kunfondinto: J.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Avoto". Norman Booth.
D.H. Davis. L.J. Van Gulck

Prezidanto: John Berggreen,
Brattvollveien 23 c,
Oslo 11, Norvegujo

Sekretario: J. K. Hammer,
Taxusstraat 7, Zaandam,
Nederlando.
Poŝtĝirkonto 63 22 46.

Kasisto kaj Administranto de
"La Skolta Mondo":
David H. Withey, 21 Brookfield Avenue, Waterloo,
Liverpool L 22 3YE, Britujo
Telefono WAT 2936

Redaktoro: Hans Amund Rosbach,
Nergata 37 c, N-6500
Kristiansund N, Norvegujo.

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.
Okaze de nericevo, bonvolu sciigi vian Nacian Reprezentanton aŭ la Administranton.

# mi dezirus

Sur la paĝo tria de ĉi tiu numero vi trovos artikolon de nia prezidanto. En ĝi li skizas sian tute ne utopian revon.
Pardonu, ke mi aldonas al ĝi miajn privatajn dezirojn kiel redaktoro de nia modesta revuo.

Mi tion faras, ĉar mi kredas, ke "La Skolta Mondo" povas ludi rolon en tiu evoluo. La serio de "Verda Pego", "Skolta Scienco", ja vekis grandan intereson. (kun bedaŭro ni intertempe adiaŭas ĝin). Kaj la nova serio "Internacia Skoltado" certe estas same interesa kaj utila.

Kaj "La Skolta Mondo" povus prezenti ankoraŭ multe da interesaj artikoloj el ĉiuj flankoj de la skolta vivo. Precipe se ĝi povus aperi kun pluraj numeroj ĉiujare. Kaj kun pluraj paĝoj ĉiunumere.

Ĉu tio eblus? Jes, sed ne kun nia nuna ekonomio. La eldonnombro de ĉ. 800 ekzempleroj estas ekonomie subtenata de aliaj fontoj.

Sed la esperantistoj. Kaj la grupoj, ĉie en la mondo. Per ili ni povus ricevi la ekonomian bazon, kaj ili samtempe povus plenumi la gravan informo-devon, kiun havas ĉiu esperantisto:

Ili povus aboni donacabonojn al la skoltoj de sia urbo. Sed tiam ili ankaŭ havus la devon klarigi al la skoltoj la enhavon de la artikoloj kiaj "Skolta Scienco" kaj "Internacia Skoltado", kaj montri kiel ili per tio povus havi grandegajn avantaĝojn en la skoltado!.

Kaj ne forgesu la "Ĵamboreon"!

Hans Amund.

# notoj

Nederlando.
Kiel NR por Nederlando ni bonvenigas B.J (Hans) Wijmer, 28-jaran skoltestron.
Li vizitis la ĵamboreon en Tokio, post kio li traveturis la landon per motorbiciklo, kaj hejmveturis tra Azio.
La skoltoj kiuj vizitis la ĵamboreon kaj la japanaj skoltoj certe konas lin.
Li laboras en la Centra Oficejo de UEA.
Ni deziras al li sukceson, kaj la sekretario estas feliĉa, ke li ne plu havas duoblan taskon!

Adreso: Stuyvesanstr. 114,
Den Haag 2021 Nederlando.

Italujo.
Renato Corsetti, prezidanto de TEJO, klopodas interesigi la Italan Esperanto-Federacion al kunlaboro en nia kampanjo por la Ĵamboreo.
Sekvinda ekzemplo!

# La Prezidanto revas

Kiam oni estas entuziasma pri io, oni kelkfoje rajtas revi. -

Mi jam dum multaj jaroj (fakte 40) laboris por la ideo:

Kombini skoltismon kaj esperantismon, atentante ke ambaŭ movadoj ege bezonas unu la alian.

Kaj nun mi ŝatus iomete revi:

Kio okazus, se kelkaj fervoraj esperantistoj en kelkaj esperanto kluboj (mi intence diras "kelkaj" kaj ne "multaj", estante modesta kaj sobra viro) interesiĝus pri disvastigo de Esperanto en la vastan aron de geskoltoj (20 milionoj el 104 landoj!) kaj samtempe kelkaj - eĉ se nur 1 % de la skoltoj - interesiĝus pri La Internacia Lingvo?

Tiam okazus vera revolucio en la Esperanto-movado - precipe por SEL - kaj inter la skoltoj! Ĉar tiam ni havus subite 200.000 fervorajn adeptojn batalantaj por la Esperanto-ideo kaj skolta idealo pri internacia kompreniĝo kaj frateco, belega kaj grandioza kombino de dezirindaj kaj necesaj rimedoj por iomete realigi la eternan sopiron de la homaro pri monda solidareco kaj paco.

Kaj tiam nia kara SEL havus multe pli da Naciaj Reprezentantoj ol nun, eble en ĉiuj landoj kie ekzistas esperantistoj kaj skoltoj.

Oni povas imagi kian efikon tia forta SEL-reto havus por la kunlaboro inter la du organizaĵoj. Tiam ni nepre povus postuli oficialan rekonon de la Knabskolta Monda Oficejo en Ĝenevo! -

Pri tio oni rajtas revi - sed ne nur revi; sed labori, lukti, doni ĉiujn siajn fortojn por atingi tian altan celon!

Ni, anoj de SEL, estas la grupo kiu respondecas por tiu tasko, gravega kaj inda tasko, kun esperantistoj kaj skoltoj mano en mano. -

Ĉu mia revo estas tro fantazia? Ĉu ĝi ne estas realigebla? Certe jes, ĉar ĝi baziĝas je modestaj deziroj. Mankas nur iom da energio, iom da streboj, iom da sindono flanke de kelkaj samideanoj kaj eta grupo de la skolta arego.

Ĉu VI volas kunhelpi pri tio? - Jen mia revo!

John Berggreen

# Nova konkurso.

Kvankam - honeste - nia unua konkurso ne estis tro sukcesa, ni provas denove.
En kelkaj - bedaŭrinde ne ĉiuj - ekzempleroj de ĉi tiu numero iuj bildoj havas koloron. Bonvolu en letero al la redaktoro nomi la kolorojn en esperanto kaj propra lingvoj, indiki dek landoj, kies flago portas tiujn kolorojn, kaj kunmetu dek vialandajn (se eble belajn) poŝtmarkojn.
Premio: 100 diversajn poŝtmarkojn.

# Kie 15-a ??

Post kontakto kun nia membro prof Hossein Banai, ĉefskolto de Irano, ni kuraĝas lanĉi la supozon, ke la 15-a ĵamboreo en 1979 okazos en Manzarieh, norde de Teheran.

Por ke SEL estu preta, ni jam nun invitas ĉiujn membrojn ekagi per korespondo kun "Apuda Oriento" kaj varbi inter la skoltoj, por fondi sekciojn de SEL.

Sed ne kredu, ke jam nun la tempo estas matura por la sekcioj, ankoraŭ estas multon farenda!

# JUNULOJ · SOMERO · KORESPONDO · FERIO



Esperantoklubo Unueco en Krommenie/Assendelft en Nederlando invitas al feriosemajno 5.a ĝis 12a de aŭgusto. Oni gastloĝas senpage, ĉe esperantofamilioj, kaj pagos nur por la ĉiutagaj ekskursoj - entute 150.- ned. gld. Skribu al la klubo, adr.. s-ino J.A. v.d. Meulen, Popelstraat 13, Krommenie Nederlando.

TEJO invitas al 29.a internacia junulara kongreso 21 - 27 de julio, en Sarajevo, Jugoslavio. Oni loĝos en luksa studenta domo kaj havos varian kaj interesan programon, kun ĉeftemo Junularo kaj hom-medio. Kotizoj por membroj de TEJO/UEA sub 20 jaroj 33 US $, 20 - 25 jaroj 36 $, pli ol 25 39 $, nemembroj 3 dolaroj pli. Vin anoncu al: 29a IJK, V. Pelagiĉa 8/1, 71000 Sarajevo, Jugoslavio.



Al 14-a "EUROPA FERIOSEMAJNO EN SVISLANDO kore invitas Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj. Ĝi okazos de la 2-a ĝis la 8-a de septembro 1973 sur Fürigen ĉe la Kvarkantona lago (Vierwaldstättersee) kaj amplekses gvidatajn ekskursojn variajn, antaŭtagmezajn Esperanto-lecionojn diversgradajn, distrajn vesperajn. Geesperantistoj de ĉiu aĝo kaj profesio estas bonvenaj. Anoncojn kaj informpetojn adresu al S-ro Ernst Glättli, SAEF-sekretario, Laurstrasse 17, CH-5200 BRÜGG

7a - 15a de julio okazos tendaro en Päijänne en Finnlando (Suomio). Kotizo: aliĝa 7 mk (infanoj 3 mk), por kursoj 6 mk (3 mk), por manĝoj 7 mk/tago (3 mk/tago) por matena teo kaj 2 varmaj manĝoj. Oni povos loĝi en tendo je 1 mk/pers/tago, en salono (15 pers. kune) 5 mk/pers/tago, aŭ en ĉambro (maks. 8 pers. kune) je 10 mk/pers/tago. Adreso: La Internacia Esperanto-Tendaro, T. Suontausta, SF- 17 300 Vääksy, Finnlando.



Korespondu kun: Nettie Buis, Berkenstraat 7., Krommenie, aĝo 25.11 1957, aŭ kun Margo Sminia, Burg Mosselstraat 43, Krommenie. aĝo 29.1.1958. Ŝatas tamburi, muziki kaj sporti. Nederlando.

Ni deziras korespondo kun la tuta mondo.
Ni estas komencantaj lernantoj de la Esperantoklubo "Unueco" Krommenie/Assendelft.



| Fraŭlino: | Adreso: | urbo: | aĝo: |
|---|---|---|---|
| Sandra Barentz | Badhuislaan 11 | Krommenie | 14-1-'64 |
| Antonella Klingers | Industrieweg 3 | Assendelft | 20-3-'62 |
| Annemarie Klingers | " " | " | 5-11-'63 |
| Miriam de Jong | Dorpsstraat 843 | " | 6-1-'64 |
| Joke Kuiper | " 947 | " | 1-1-'64 |
| Wilma de Vos | " 909 | " | 19-12-'62 |
| Crista Kef | " 606 | " | 8-8-'64 |
| **Fraŭlo:** | | | |
| Jan van Gelderen | " 841 | " | 4-8-'62 |
| Willy van Gelderen | " 841 | " | 15-11-'63 |
| Hans van Gelderen | " 837 | " | 13-6-'62 |
| Kees van Gelderen | " 837 | " | 28-3-'64 |

(laŭ ideoj de Skolta Monda Oficejo.)



# Internacia Skoltado.

ENKONDUKO 1

Lernu Esperanton, oni ofte admonas.
Sed pro kio ?

Ĉu nur por korespondi aŭ interŝanĝi poŝtmarkojn ?

Vere, la Internacia Lingvo povas esti pli utila !

ENKONDUKO 2

Skoltoj formas Tutmondan Frataron , oni diras.
Ĉu tio estas vera ?

Ĉu ni vere tiom intime kunlaboras kun alilandaj skoltoj ?

Vere, ekzistas pli da eblecoj ol vi supozas !




Tial ni donos al vi multajn ekzemplojn kiel vi povos uzi nian lingvon, kaj kiel ni povos kunlabori kun skoltoj kaj skoltinoj en aliaj landoj !



+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+

Kiel komenci ?

La plej gravan komencon vi jam faris : vi lernis Esperanton !
Sen ĝi, internacia frateco estas nur frazo.
Kiel ni povas esti gefratoj, kiam ni ne povas kompreni unu la alian ?
Kaj kiom la vorto 'tutmonda' valoras, kiam ni nur povas kontakti kun kelkaj landoj pro lingvaj malfacilaĵoj ?
Kio valoras la vorto 'frateco', kiam ni devigas la skoltojn el alia, malpli grava lando, ke ili lernu nian lingvon, dum ni, facil-anime uzas la propran ?
Tial nur Esperanto povas esti la bazo de nia Internacia kunlaboro !

La dua paŝo.

Unue ni elektu la landon, kiun ni preferas.
Kaj por pligrandigi la eblecojn, ni elektu ankaŭ duan, kaj eventuale eĉ trian.
Post tio restas al ni du manieroj:

1.
Skribu leteron al "Kara skoltfrato.." , kaj sendu ĝin al la Komisaro por Internaciaj aferoj de via skoltasocio, kun la peto, ke li trovu por vi skoltgrupon en la eksterlando.

2.
Metu anoncon kun viaj deziroj en ia Esperanta gazeto aŭ revuo. Nia propra revuo "La Skolta Mondo" volonte ( kaj senpage ! ) akceptos ĝin !

Post tio vi bezonas iom da pacienco !

+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+

## Kaj nun: la praktiko!

## La alia grupo.



Ambaŭ grupoj faras serion de fotoj aŭ lumbildoj pri la skolta vivo.
Pri aktivecoj kaj ludoj. Pri la skoltejo kaj pri la membroj.
Pri la propra urbo kaj regiono.
Aldone oni faras skriban komenton, aŭ oni parolas la tekston sur sonbendo.
Tiel oni baldaŭ konas la aliajn, kvazaŭ ili estas membroj de via propra grupo.
La fotojn vi uzu por ornami la skoltejon, aŭ por kolekti en albumon.
La lumbildojn vi montru dum grupa kunveno.

---

## La Regiono.



Interŝanĝu fotojn, desegnojn, de via regiono.
Aldonu mapon, sur kiu vi indikas la skoltejon , la tendejon.
Petu kelkajn grandajn bildojn de turista - entrepreno.
Skribu pri la urbo, ĝia industrio, pri la domoj kaj la monumentoj.
Rakontu pri la historio de via regiono.
Fine : faru ekspozicion de la ricevita materialo.
Vi eĉ povas fari ludon por viaj membroj : kiu plej bone konas la alian regionon ?

---

## La Ludoj.

Priskribu la ludojn, kiujn via grupo plej ŝatas.

Organizu kunvenon en kiu vi uzas la ludojn el la alia lando.

De pluraj ludoj vi eĉ povas fari filmon.
Sed unua informiĝu ĉu la alia grupo povas disponi pri projektilo, kaj kia.
Vere, fari filmon kun sono estas bonega , sed ĝi estas senvalora, kiam la alia grupo ne povas uzi ĝin !

---

## La Kantoj.

Kompreneble, vi simple povas sendi la tekston kaj la muziknotojn surpapere !
Sed pli interesa estas ankaŭ sendi sonbendon, kun la kantoj de via grupo.
Aldonu klarigojn pri la enhavo, por ke oni komprenas la kantojn.
Tre interesa estas lerni kanton en fremda lingvo.
Sed vi ne estas papago, kiu nur eligas sonojn, sen kompreni ilin.
Do : per aldona traduko ĉiu sciu, kion li kantas !



---

La plantoj.



Faru kolekton pri la plantoj en via regiono, per fotoj kaj desegnoj.
Sed speciale kolekto de sekigitaj plantoj kaj floroj estas valora.
Se la klimato ne tro diferencas, vi interŝanĝu semojn, kaj klopodu kreskigi ilin.
Memoru ke eĉ en via propra ĉirkauaĵo estas diversaj klimatoj: ekzemple je la norda kaj je la suda flanko de ia konstruaĵo.
Montaraj regionoj en varmaj landoj povas taŭgi por plantoj el malpli varmaj landoj.
En malvarmaj landoj oni povas kreskigi plantojn el varmaj landoj endome !

+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-



La tero.

Kiom ebena estas Nederlando !
Kiom riĉa pri montoj estas Svislando !
Kiom malĝentila aspektas dezerta regiono !

Komprenu : la aferoj, al kiuj vi alkutimiĝis aspektas kiel mirakloj por homoj el alia lando!

Por skoltoj kiuj loĝas en landoj malproksime de la maro, la konkoj de la marbordo estas valoraj aĵoj.
Preskaŭ ĉiu landoj havas tipajn ŝtonojn kaj mineralojn. Interŝanĝu ilin !

+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+

La Domo.



Kiom grandaj estas la loĝmanieroj de la diversaj popoloj !
Kiom granda estas la diferenco inter domo en Skandinavio, kun ĝiaj malgrandaj fenestroj kontraŭ la malvarmo, kaj domo en tropika lando kun vasta galerio kontraŭ la suno !

Kolektu bildojn, eventuale el ilustritaj gazetoj, faru desegnojn kaj priskribojn.
Lerta skolto eble eĉ povas fari modelon, kiu povas esti malkonstruita por la sendado, kaj poste denove rekonstruita !

+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+



Artoj kaj Teknikoj.

En multaj regionoj ekzistas specialaj artoj kaj teknikoj.
Klopodu priskribi ilin, faru malgrandajn specimenojn.
Klarigu, kiel oni devas agi, kiujn materialojn oni devas uzi.
Se necese, sendu iom de la materialo, kiun oni povas uzi.
Se la materialo ne estas havebla en via propra lando, klopodu trovi ion, kio povas anstataŭi ĝin.

Estas tiom da eblecoj...

Por detale mencii ĉion eĉ mankas la spaco ! Tial mi nur mallonge mencios kelkajn :

La Tradicio. Tradiciaj festoj. Kiam oni havas ilin, kiel oni faras ilin ? Lernu la tradicion de la alia lando kaj uzu la konon por fari specialan programon.

La Skolta Vivo. Kiaj estas la uniformo, la leĝo kaj promeso, la insigno kaj la standardo de la alia grupo ? Faru belan ŝildon de via skolta leĝo kaj promesi por ornami la skoltejon en la alia lando.

La ŝtato. Ĉu ĝi estas reĝejo aŭ respubliko. Kiu estas la ŝtatestro ? Interŝanĝu standardojn . Teksto kaj muziko de la nacia himno, sur papero aŭ per sonbendo.
Kiuj estas la datoj de naciaj festtagoj ? Ĉu la koloroj de la standardo havas specialan signifon ?

+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+

La Manĝoj. Kion oni manĝas en la alia lando ?
Kiel oni preparas la manĝojn ?
Ne tro rapide diru :"Tion mi ne ŝatas !" kiam vi ne konas ĝin, sed klopodu alkutimiĝi al ĝi !



Organizu komunan manĝon por via grupo, kun la mangaĵoj de la alia lando. Invitu la gepatrojn, kaj la patronoj de via grupo.

Por la paroladoj la alia grupo mem zorgu, per sonbendoj. La manĝo povas esti sekvata ekzemple de film-prezentado.

+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+

Grava afero : La problemoj !

En ĉiu lando estas problemoj. Kiaj estas problemo por la aliaj skoltoj ? Ĉu eble vi povas helpi ilin ? Ĉu ekzistas komuna problemoj, ekzemple pri natur-protektado en ambaŭ landoj ? Interŝanĝu ideojn pri tio !
En malriĉaj landoj oni ofte havas bonajn ideojn por solvi la problemojn, sed... mono mankas. En riĉaj landoj tamen la mono ne mankas, sed oni ofte perdis la eblecon por trovi simplajn solvojn.
Oni plendas ke la aŭtomobilo difektiĝis, sed forgesas ke la homo ankoraŭ havas piedojn por marŝi.
Tiel ĉiu partio povas helpi la alian !

+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+

Komuna agado .

Plej forte ni sentas la amikecon, kiam ni kune klopodas venki ian malfacilaĵon. Certe ie en la mondo ekzistas problemo al kies solvo ni povas kontribui ! Ekzemple : projekton en ia evoluanta lando.
Elektu por via komuna kampanjo klaran, ne tro grandan problemon, kiun vi povos solvi en limigita tempo. Se la projekto estas tro granda ,aŭ tro longdaŭra, estos malfacile konservi la intereson de ĉiuj !

Plej bona ekzemplo de Skolta Frateco estas ke skoltoj el du diversaj landoj kunlaboras por helpi al skoltoj en tria lando !

+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+-+




Kaj fine...

Zorgu ke ĉi tiu programo pri Skolta Frateco estu sukceso. Ne nur en via grupo, sed ĉie !
Invitu aliajn skoltgrupoj al partopreno.
Raportu pri ĝi en lokaj kaj regionaj gazetoj.
Kaj nepre ankau en via propra revuo: "La Skolta Mondo" !

# Kio okazas en la Skolta Mondo?

Finnlando:
La finna N.R. raportas, ke la finna sekcio kunvenis trifoje pasintjare: tradicia kristnaska kunveno, somera kunveno, kaj filmvespero en aŭgusto.
Tre ĝena estas la grandaj distancoj inter la membroj



Germanujo.
Kun ĝojo ni bonvenigas la Nacian Reprezentanton por Germanujo, Georg Winkler.

Li estas 25-jara fraŭlo, kunlaboranto en universitato (socia juro) kaj jam longe aktiva por Esperanto en la kadro de TEJO.
Ni estas feliĉaj, ke ni trovis NR por tiu tre grava kaj granda lando, kaj deziras al Georg multan sukcèson kaj plezuron en lia laboro.
Adreso: Jaegerstrasse 27, D 42 - OB Sterkrade.

Subvencio por Britaj Esperanto-skoltoj.
La unua esperantista skolto, elektita de sia distrikto por viziti la ĵamboreon, ricevos subvencion de £ 25. Ĉiu kiu akiras la insignon Interpretisto pere de Esperanto, ricevos senpagan membrecon kaj abonon por unu jaro.

Irlando.
Frank Dobbs raportis pri sia agado kiel NR. Li instruis la lingvon al kelkaj skoltoj, el kiuj unu aliĝis. Persona sukceso estis la akiro de diplomo de Brita Esp. Asocio kun merito.
Li antaŭvidas daŭrigi sian laboron en Irlando. (Pli frue li intencis iri al Britujo.)

Nederlando.
En la provinco Frislando nova agadgrupo por propagandi la lingvon ekfunkciis. Ĉar jam ekzistas tro multe da tiaj grupoj kaj tro malmulte da helpantoj, oni decidis unue kunlabori en jam ekzistantaj planoj. Inter ili ankaŭ la kampanjo de SEL.

Nia frontpaĝo.
El lando en la centro de Eŭropo ni ricevis du poŝtkarojn kiujn ni reproduktis. Ili montras skoltan aktivecon, kaj estas libere aĉeteblaj en vendejoj, kvankam skoltado ne ekzistas. "Strange, ĉu ne" skribas la sendinto.

Prezo de Diskoj.
Nevolonte ni altigas prezojn. La libroprezo restos ned. gld. 2.50, sed bedaŭrinde la prezo de la diskoj ek de 1-7-1973 estos ned.gld. 3.oo.

Italujo.
La Itala Esperanto-Federacio petis informilojn pri nia kampanjo por ĉiuj lokaj kluboj. Ni esperas, ke ili kune eklaboros kaj sukcesos!

Brita kunveno.
Brita sekcio de SEL kiel ordinare kunvenis dum la kongreso de Brita Esperanto Asocio 21.4.1973.

Registrigo de SEL kaj LSM.
Sur la ekstero de LSM vi de nun trovos la numeron NE ISSN 0037-6558. Tio estas la numero kiun ni ricevis de Internacia Organizaĵo por Standardigo, kiu registrigas ĉiujn gazetojn en la mondo.
SEL estas internacie registrigita sub numero 3212.

Ĉi tiu numero iom malfruiĝis. La redaktoro petas pri pardono!

# DUOBLA ARĜENTO



La dekan de julio 1948 staris ĉe la altaro pluraj gefianĉoj kaj promesis la tutvivan fidelecon de geedzeco.
Inter tiuj en Anglujo Joan kaj David, en Danujo Mirjam kaj Hans Amund.

Ni uzas la okazon prezenti ilin:

David - do David Withey - naskiĝis la 10an de junio 1921, kaj skoltiĝis en sia 8-jara naskiĝtago, skoltestriĝis precize dek jarojn poste.
Joan naskiĝis la 2an de junio 1927, skoltiniĝis en 1934, kaj skoltestriniĝis en 1944.

Ili do ambaŭ estis skoltoj kiam ili antaŭ 25 jaroj geedziĝis, kaj ankoraŭ estas, eĉ aktive: David kiel grupestro de la 11.a grupo de Crosby kaj Distrikta Sekretario Crosby, Joan kiel svarmestrino de 11.a grupo de Crosby, kaj sekretariino de Skoltestra Edukada Teamo de Liverpool, de Distrikta Helpserva Teamo de Crosby kaj de Distrikta Svarmestra Kunveno de Crosby.



Ne strange, ke ili ambaŭ portas la Medalon de Merito pro elstaraj servoj al skoltado, David de 1969 (vidu la foton lastpaĝe), kaj Joan de 1973. (Ŝian portreton vi vidas maldekstre).

Kune ili havas 5 infanojn, Timothy (nask 1951) Martin (1953) Elizabeth (1961) kaj Michael kaj Ian (1969)
Profesie David estas ŝtatoficisto.

La familio Rosbach ne havas similan skoltan karieron.
Hans Amund naskiĝis la 9an de septembro 1924 en Røros, Norvegujo, dum Mirjam naskiĝis la 20an de aŭgusto 1929 en Kopenhago, Danlando.
Kaj ŝia deveno estis jam internacia - ŝia patro estis la fama rusa esperantisto L. Vasiljef, dum la patrino estis dana. Kaj la internacia lingvo kondukis la du junulojn.
Hans Amund esperantistiĝis jam 1938, fariĝis redakciano de Norvega Esperantisto 1947 kaj redaktoro de Skolta Mondo 1964. Li tradukis "Faktoj pri Norvegujo" (Aftenposten 1953) kaj eldonis la librojn "Cent Himnoj" 1966, "Preparoj al diservo" 1967 kaj " El Propra kaj Fremda" 1971.
Pro sia laboro li portas la ordenon "Pro Meritoj" de Norvega Esperantista Ligo.



Sian skoltan karieron li komencis post kiam li venis al sia dua deĵoro kiel pastro. Post sep jaroj en plej norda Norvegujo li venis al Folldal kie instruisto ĵus starigis skoltan trupon. Hans Amund fariĝis trup-asistanto, kaj baldaŭ devis transpreni la trupon, kiu pligrandiĝis al grupo kun svarmo kaj roveroj, kaj plejparte li devis sola gvidi ĉiujn partojn de la skoltlaboro. Pro tio li honoriĝis per sveda "Ruĝa Lilio" kaj norvega "Blanka Lilio".
Hans Amund kaj Mirjam kune havas 6 infanojn, Hans Amund (1950), Johan Leo (1954), Bjørn Espen (1956), Dag Martin (1959), Eva Marianne (1960) kaj Tone Vebjørg (1965).
La familion vi vidas sur foto en la antaŭa paĝo, dekstre, sube.

# Dankon

Antaŭ sep jaroj la konata mond-vojaĝanto Tibor Sekelj fondis la Instituton por Oficialigo de Esperanto, IOE. La celo estis pli-fortigi la pozicion de Esperanto per ĝia praktika aplikado je ĉiuj terenoj de la vivo.
Bedaŭrinde multaj esperantistoj ne komprenis la signifon de la ideoj de la Instituto, kaj la rilatoj de UEA estis malbonaj.
SEL - en la persono de ĝia sekre-tario - subtenis la agadojn de IOE, kaj plurfoje klopodis forigi la fendon inter ambaŭ organizaĵoj.
Ĉiu el ili havis sian specialan signifon. Nun, post sep jaroj, IOE ĉesis labori.
Tamen, karaj fratoj Sekelj, kaj viaj multaj kunlaborantoj: via laboro certe havis rezultojn. Ne nur la videblajn, sed ankaŭ mul-tajn nevideblajn.
Multaj praktikaj punktoj el la laborplanoj de SEL estis faritaj laŭ la ideoj de via Instituto, kaj dum niaj antaŭaj kampanjoj ili montris sian valoron.
Tial: dankon pro la utilo, kiun vi faris al la Esp.Movado.

J.K. Hammer.

## Ni ricevis

"Mahatma Gandhi"
de Huberto Rohden

kaj tio estas belaspekta, plaĉa libro, eldonita de Ass. Esperantista do Rio de Janeiro.

La vivo de Gandhi ĉiam kaptas la intereson, jen pro lia pureco de moroj, jen pro la lukto kontraŭ la pliforto pere de neperforto, jen pro la religia mistikismo de lia tuta vivo. Oni pritraktas lin en disputoj - jen iuj antikrist-anoj montras al li: plej granda ekzemplo ke kristanismo ne nece-sas, jen kristanoj asertas, ke eĉ li trovis sian inspiracion kaj la vivregulojn ne en hindaj religi-oj, sed ĉe Kristo.

Ĉi tiu nova libro per siaj 24 ĉapitroj esepereble donos novajn argumentojn, novan scion, novan intereson pri eksterordinara kaj granda homo.

# LABORPLANO

La Prezidanto ellaboris labor-planon por la 14-a ĵamboreo, kaj decus al ni ĉiuj studi kaj dis-kuti ĝin.
Por ni ordinaraj membroj la ĉefa punkto estas: La Esperanto-klubo kaj la unuopa esperantisto, kaj ties agado por kaj inter skoltoj.

Esperantoklubo j kaj unuopuloj, kiuj havas seriozan intencon agi pozitive rilate al skoltismo kaj esperantismo kun ĉefa rilato al la granda ebleco kaj provoko: La 14-a ĵamboreo ĉe Lillehammer en Norvegujo, sin turnu al la Pre-zidanto, la Ĝenerala Sekretario aŭ la Redaktoro.

Nun ne plu decas fermi la okulojn kaj esperi, ke iam la mondo devas saĝiĝi kaj kompreni la bezonon de La Internacia Lingvo. Nun decas serioze eklabori.
Kaj la ĵamboreo estas inter niaj pli grandaj eblecoj!




## Korespondu !

Jonathas Bernan, Rua Dindorama 11 - apt 701, Bodueirao, Santos 11.100 , Sao Paulo, Brazil, deziras korespondi kun junuloj kun intereso pri kinejo, fotografio kaj teatro, "underground-movado", popmuziko.

El la klubo "Unueco" en Krommenie / Assendelft, Nederlando ankoraŭ sin anoncas f-inoj Anja kaj Linda Stam (12 kaj 11 jaraj), adreso de ambaŭ: Vaartdijk 39, Assendelft, Nederland

Konsilo de la redaktoro: Skribu al la naciaj skoltrevuoj de Norvegujo Svedujo kaj Danlando (kiuj kune aranĝos la ĵamboreon) kaj petu leteramikon, substrekante, ke vi deziras korespondi en Esperanto!

Aktiva "onklo Arpi" en Hungarujo petas helpon de junuloj:
Ni petas ĉiujn geskoltojn de la mondo bonvolu helpi nian agadon kaj sendi artikolojn kun fotoj por magazinoj.

Ni (t.e. "Fo-Ki-Ma") deziras eldoni serion de miniaturaj libroj, sciencaj kaj teknikaj novaĵoj, grandeco de la libroj 30 x 40 milimetroj.
Pri informoj skribu al:
H-1509 Budapest Poŝtoficejo 119, poŝtfako 19, s-ro Arpad Pölöskey, Magyarorszag (Hungarujo)

Li samtempe lanĉas fotokonkurson pri naturo kaj turismo. Fotoj en formato 31x18 cm.

Kaj li intencas eldoni glumarkojn pri skoltismo, kun folioj de 10 diversaj bildoj.




# UEA

Ĉiam utila estas la Jarlibro de UEA. Nin ĝia unua parto 1974 aperis kun la nomaro kaj adresaro de la delegitoj - la vere unika servo de UEA al ĉiuj membroj.
La antaŭparolo rakontas, ke la vendado de Esperanto-libroj kreskas, ĉi-foje je pli ol 5 % kompare kun 1971, kaj en 1971 ĝi kreskis kun 50 % kompare kun 1970. Tio estas ĝojiga evoluo.
La membronombro altiĝis de 32 070 al 32 135, do relative modeste.
Ankaŭ la delegita reto ĉiam kreskas.
Se reto estu uzebla kaptilo, ĝi ne nur estu grandformata, sed ankaŭ plektita per densa maŝaro.
La maŝoj estas i.a. la fakdelegitoj, kaj inter tiuj la fakdelegitoj pri skoltismo. El tiuj troviĝas 15, kaj 9 landoj estas reprezentataj El tiuj 15 7 ne estas sur niaj listoj de NR aŭ anoj Centra Komitato. 2 el la landoj ne estas en niaj listoj!




La 8an de decembro 1969: David Withey ricevis la Medalon de Merito, kaj oni prezentas al lia filo Martin la "Chief Scout's Award."
David Withey tute maldekstre.



# LA SKOLTA MONDO

Limtempo por manuskriptoj kaj anoncoj: 1-a de Februaro, Majo, Augusto kaj de Novembro.

REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND

